# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

JULIO-SEPTEMBRO 1941
37-a Jaro — N-ro 490 (4)

Jara abono .... Fr. sv. 10.—
(Kun ricevo de la jarlibro)
Anonco: Korespondado
du linioj ........... 1.—
Reklamo: Kolonero unu
centimetra ........ 1.—

Poŝtĉeko svisa: Genève I 2310
Poŝtĉeko franca: Lyon 221-76
Poŝtĉeko sveda: Göteborg 44381
Bokförlaget Kosmos
för Universala Esperanto Asocio

ENHAVO:

Antaŭ la nova agadjaro .... 29
La helpo al Familio Zamenhof 30
Grau Casas en mizero ..... 30
La re-unuecigo de la E-movado 31
Esperanto en Francujo .... 32
Sciindajoj ............... 33
Niaj mortintoj ........... 34
Bibliografia Servo ........ 34
Esperantista Gazetaro ..... 34
Universala Esperanto-Asocio Oficiala Informilo n-ro 4 35
Esperantista Interhelpo .... 35
Libroservo de UEA anonco 36
Aldono: Premioj de UEA 1942 kun aliĝilo.

Redakcio: Palais Wilson
Genève, Svislando

Fondinto: Hector Hodler, † 1920
Redaktoro: Hans Jakob

Presita 30 Oktobro 1941.

## Antaŭ la nova agadjaro.

La aŭtuno estas por la Esperantistoj la komenco de la jaro de agado. Dum vintro floras kutime la kursoj, la aranĝoj societaj, kaj dum somero venonta vidiĝos dum jara kunveno la rezulto aŭ la rikolto.

Per la nuna eldono de nia ESPERANTO ni enkondukas la novan agadjaron. Sub kondiĉoj neniam konitaj, neniam revitaj, UEA eniros sian tridekkvin-jaran ekzistadon. Tridekkvin jaroj estas la aĝo en kiu homo firmiĝis, kiam li vidas sub normalaj kondiĉoj jam la fruktojn de sia laboro. Organizaĵo, atinginta tian aĝon, ne devus plu batali pro nura ekzisto, kia estas nun la fakto ĉe ĉiuj internaciaj klopodoj kaj same por nia movado. Multaj interesaj klopodoj internaciaj devis ĉesigi sian agadon, fermi centron, maldungi meritplenajn oficistojn. Se hodiaŭ nia movado ekzistas, ne nur de iure sed de facto, ĝi dankas ĝin al la bona kerno de la ideo kaj al la oferemo de la Esperantistaro.

Dum la nuna jaro UEA povis labori kontentige. Se en la servado de la membroj, apero de la gazeto ekzemple, ne ĉio funkciis kiel ni deziris, tio estas ŝuldata al eksteraj kaŭzoj, ne dependaj de nia volo. Sed UEA plenumis la programon. Plie .... dank' al ĝia unika pozicio, sidi en Genevo, centro de humaneca agado, la Centra Oficejo povis plenumi milojn da servoj al Esperanistoj kaj Ne-esperantistoj. Spite la limigitaj rimedoj, la Esperantista Interhelpo kreita de UEA, povis helpi al multaj samideanoj kaj ĉefe al la Familio Zamenhofa. Estas tie ĉi la loko, ke ni danku al tiuj samideanoj, kiuj per donaco povis ebligi tiun ĉi materian helpon, savintan la Familion Zamenhof el plej granda mizero.

La jaro 1942 anonciĝas malhele. Daŭras milita furiozo, pliakriĝas la taga penado de ĉiu por ekzisteti. Sed ni rajtas esperi, ke baldaŭ anonciĝos la lumo de l'paco. Kaj per ĝi la reveno de pli bonaj interŝtataj kondiĉoj, premiso ĉefa por internacia laborado.

Sub ekstreme konfuzaj cirkonstancoj mi transprenis la gvidadon de la Asocio kun la celo konduki ĝin al pli bona estonto. Mia sincera deziro estas, ke regu en Esperantujo la vera spirito de kunlaboro, tiel kiel komprenis ĝin la kreinto de nia lingvo. Neniam antaŭe la fruktoj de spirita kaj materia solidareco interesperantista estis pli dolĉaj, pli konsoligaj kaj pli firmigaj en agado kaj celo humanecaj, ol nuntempe. La ĉiutagaj embarasoj estas sufiĉe impresigaj kaj premigaj. Por ke UEA plenumu la mision kiun ĝi donis al si — helpi al viktimoj — defendi la internan ideon — servi al siaj membroj — necesas ke vi apogu ĝin. Realiĝu al Universala Esperanto-Asocio, subtenu la klopodon por helpi al samideanoj persekutitaj kaj suferantaj, kaj vi servos al la idealo de D-ro Zamenhof.

21 Septembro 1941.

H. Kürsteiner.

# La helpo al la familio Zamenhof.

**Deka raporto: Regula alveno de l'sendajoj.**

Pasis nun en la momento, dum kiu ni redaktas la dekan raporton, preskaŭ 3/4 de la jaro 1941 kaj utilas rerigardi la plenumitan laboron. Nia programo antaŭvidis sendon de 300 kilogramoj da altvaloraj nutrajoj por la tuta jaro kaj monsendon de entute 2000 zlotoj, kio korespondas al mil germanaj markoj. La efektivigo dependas de la ricevataj donacoj, pri kiuj povas disponi la Esperantista Interhelpo. Oni ne forgesu, ke la monsendo al ni, ja ne eblas de preskaŭ ĉiuj landoj, ke necesas ofte longdaŭra klopodado por ricevi eĉ mizeran sumeton. Granda malhelpo ja estas nun por ni (kaj ne nur por nia modesta afero) sed por ĉiuj neŭtralaj landoj en Eŭropo, la embargo usona. Ĝis kiam tiu ĉi provizora stato reguliĝas oni devas pacienciĝi.

Spite ĉio, nia helpo funkcias. Vere estas, ke ni povis sukcesi nur, dank'al bonvola kunlaboro de samideanoj, kiuj komprenis la neceson de kunigita agado. Tiel la kvanto sendita de nutrajoj je la fino de Aŭgusto atingas la duonon, antaŭviditan por la tuta jaro, 150 kilogramojn, same la monsendoj, ĉirkaŭ mil zlotoj. La disponebla mono sufiĉas nun, por tri monatoj kaj ni atendas pliajn donacojn. Sisteme kaj metode ni provas sendigi ion el landoj sub germana kontrolo. Tio ŝajnas iom strange, sed estas konata, ke kontraŭ mono kaj bonaj paroloj multo estas atingebla, kiel pruvas niaj spertoj.

Kun la nuna raporto, ni ree sendas al aro da esperantistoj en nun atingeblaj landoj, la peton, subteni tiun ĉi verkon. Ni ree atentigas, ke la tuta helpo estas farata libervole, nenia centimo uziĝas por administrado kaj korespondado, kiuj nun postulas regulan ĉiutagan laboron.

La Esperantista Interhelpo nun entreprenas klopodojn por ricevi kolektitan monon en Britujo kaj plie por ke samideanoj en Ameriko kontribuu. Escepte Usono nenia donaco venis ĝis nun el Suda Ameriko, parte pro nescio pri la vera situacio en Centra Eŭropo parte pro timo ke mono falas en manojn de nerajtigitoj. La sperto montris, ke tio ne okazis. La esprimita timo, ke sendajoj estas sekvestrataj aŭ ŝtelataj, neniel konfirmiĝis.

## Monsendoj.

**Svislando.**

S-ino Alice Eberhard, Thun .................. Frk. 5.—.

**Portugalo.**

Donaco de Polaj hebreoj en Lisbono (per M. de Freitas) ........................................ Esk. 60.—.

**Svedlando.**

(Kvina listo) Esperantistoj de Kalmar pere de Sven Fred, Kr. 5.— Esp. Grupo de Tramistoj, pere de N. Th. Tobiasson, Kr. 10; F-ino Sofia Lindberg, Gemla, Kr. 3.—; S-ro Carl Winberg, Bengtsfors, 10 Kr. Esperanto-Klubo Åmotsfors (pere de S-ino Dagmar Svensson) 5.—; Sveda Laborista Esp. Asocio, Okcidentsveda distrikto, Göteborg: 10.—; S-ro Nils Winberg, Göteborg, 2.25; S-ro C. Hilmer Johansson, Nya Norrland, Sollefteå, 5.—; LA ESPERO, Sollefteå, pere de F-ino Myhrman, 6.—. (Sume Kr. 56.25.)

| | |
|---|---|
| | 2005.15 |
| Nuna komuniko ........................ | 42.00 |
| Fr. sv. | 2047.15 |

Genève, 15 Septembro 1941.

UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO
Esperantista Interhelpo.

# Jaume Grau Casas en mizero.

Komence de la nuna jaro ni ricevis poŝtkarton el franca koncentrejo, petantan je helpo. Nia servo tuj okupiĝis kaj sendis aŭ sendigis monon, nutrajojn kaj bezonatajn objektojn. Temas pri

**Jaume Grau Casas, de Barcelono**

verkisto-poeto, kompilinto de la unua Antologio modela, la Kataluna, vicprezidanto de nia Akademio.

El la korespondado rezultiĝas, ke samideano Grau Casas rifuĝis en Francujon post la kontraŭrespublika venko. Kiel spirita defendinto de kataluna nacio kaj lingvo li riskis esti arestita kaj juĝota de Milita Tribunalo. Li ne partoprenis en ago militista kaj tribunala juĝo kontumaca liberigis lin de ĉia ŝarĝo. Sed tamen li ne povas reveni, afero ne klarigebla tie ĉi.

Kormalsana, li estis fine transigita en Kampo hospitala de Récébédou, proksime de Toulouse. Por entrepreni efikan helpon, la administranto de la Esperantista Interhelpo vojaĝis al Toulouse kaj spite diversaj neantaŭvideblaj komplikajoj, povis paroli nian samideanon kaj fiksi ĉefajn punktojn de l'helpo entreprenota. Grau Casas estas videble malsana, elĉerpita kaj senespera.

Estas la devo nia, helpi. Kaj tiun ĉi helpon ni organizu praktike, celkonscie. Por sukcesi en nia plano ni devas kalkuli je la helpo de la francaj samideanoj. Jen ĉefaj detaloj de la helpo:

1. *Sendo de nutrajoj.* Ĉu necesas diri, ke en Francujo, lando riĉa, mankas ĉio? Ke magazenoj estas malplenaj, ke sur vendoplacoj eĉ ne terpomoj estas riceveblaj? Ke la taga racio por ĉiu estas neniel sufiĉa?

Kaj spite tio ni sukcesis sendigi al Grau Casas kvanton da nutrajoj, dank'al efektiva oferemo de francaj samideanoj. Dum kunveno en Lyon, okaze de la Foiro, la subskribinto faris alvokon kaj povis kolekti nutrajmarkojn (tickets, oni diras en Francujo) por 8 kilogramoj, pano, viando, fromaĝo, graso. Estas heroeca ago, senigi je ĉi tiuj paperetoj, sen kiuj oni povas mortmalsati.

Samideanoj en Francujo, kiuj dank'al pli favoraj kondiĉoj povas sendi ion al nia samideano volu interrilati kun la Esperantista Interhelpo. Ekzistas kelkfoje libere aĉeteblaj nutrajoj, bonŝanco en tiu ĉi situacio.

2. *Gastigo.* Ĝis kiam intencata klopodo, rehejmigi nian samideanon sukcesos, necesas ke li forlasu la kampon. Samideanoj francaj kiuj povus gastigi lin, pretaj subskribi déclaration d'hébergement, bonvolu interrilati kun ni.

3. *Financado.* Ni malfermas kolekton favore de nia samideano por pagi sendotajn nutrajojn kaj partopreni en la kosto de gastigado. Samideanoj kunhelpu savi samideanon suferantan.

*Hans Jakob, Administranto de Esperantista Interhelpo.*

# La re-unuecigo de la Esperanto-Movado.

*Pasis nun kvin jaroj post la skismo, kreita en 1936, de estinta Estraro de UEA. Ne estas nia intenco reveni je tiuj dolorigaj faktoj, kies efiko estas la dispartigo de la internacia organizajo, alivorte la ekzisto de du samaj societoj, ambaŭ laŭ sama laborprincipo. Kio interesas hodiaŭ la Esperantiston, estas la demando, kiel progresis la klopodoj pri re-unuecigo de la du organizajoj, de UEA kaj de IEL. Per la nuna artikolo ni respondas tiun ĉi demandon kaj en sekvontaj artikoloj, ni traktas la tutan problemon de la organizo postmilita afere kaj objektive, tiel ke ĉiu povu formi al si bildon.*

*Redakcio de ESPERANTO.*

## I.

## UEA kaj IEL.

Ekzistas nuntempe du agantaj organizajoj internaciaj de Esperanto: La malnova Universala Esperanto-Asocio fondita en 1908 kaj la Internacia Esperanto Ligo, fondita en 1936. Ambaŭ havas oficejon: UEA en la estinta sekretariejo de la Ligo de Nacioj en Genève (sidejo de multaj internaciaj organizajoj) kaj IEL en Rickmansworth, tridekon da kilometroj de Londono. Ambaŭ, Asocio kiel Ligo laboras laŭ sama konstitucio, ambaŭ havas la samajn malfacilajojn. Ne ekzistas teorie, malhelpo, ke ambaŭ kuniĝu sub la malnova konata nomo de UEA. Ambaŭ tion deziras, sed ambaŭ vidas la efektivigon alie. UEA deziras revenon al la stato de antaŭ Vieno 1936, (respekton al akceptitaj decidoj kaj interkonsentoj) IEL deziras submetiĝon de la nuna UEA. Pledas por la centro en Genève la ekonomia faktoro (tre malmultekosta oficejo) pledas por Genève la sidejo en lando kun karakterizita neŭtraleco kun libereca leĝaro kaj diversaj moralaj faktoroj, alie ne troveblaj. Pledas por sidejo en Britujo..... nenio plu, nek ekonomia faktoro, nek riceveblaj donacoj (domo, gravaj mondonacoj). Kontraŭ ĝi parolas la politika situacio. Estas evidente, ke movado plej internacia, ne povas taŭge servi kun sidejo en ĉefa militanta lando. Tio estas banala verajo, ke efektive oni ne devus ripeti ĝin.

UEA diversfoje proponis kunlaboron, kun iom post ioma evoluo al fakta re-unuecigo. IEL ĉiam rifuzis..... dokumente pruvebla! Supozeble la Estraro de IEL atendis la tutcertan disfalon de UEA, kio ne okazis kaj ... n e o k a z o s.

La lasta fazo en tiu ĉi diskutado — ĉiam bonforma — datas de Novembro 1940 ĝis Marto 1941. Per letero de la *22a de Novembro 1940*, IEL revenas je niaj *proponoj publikaj* kaj demandas pri konkreta plano. Tiu ĉi letero atingis nin — signo de la nuna tempo — *la 22an de Januaro 1941*. Ni ekzamenis kaj ni proponis koncize la jenon:

*1. La kunlaboro inter UEA kaj IEL estu direktata ĉefe kaj unue al la helpo por familio Zamenhof.*

*2. La kunlaboro konsistu en tio, ke jam nun ni kreu la terenon por estonta unuiĝo, kiu venos eĉ kontraŭ la volo de certaj samideanoj. Kiel estos la formo de la estonta organizo, ni ne serĉu nun imagi al ni.*

*3. La kunlaboro tuja konsistu en kunigo de certaj aferoj. Ni eldonu kune la Jarlibron, kies tekston ni jam parte posedas. Ni kune eldonu la gazeton, laŭ racia maniero. Ambaŭ organizajoj ŝanĝu nenion en la strukturo ĝis la militfino. Ni kreu U n i o n s a c r é, flanklasante la pasinton.*

Jen la formulo. La praktikon ni precizigis per teknikaj detaloj. La Jarlibro portu la titolon „Jarlibro de la Esperanto-Movado", ĝin redaktu ĉiu aparte, kaj ĉiu pagu laŭ difinota maniero, amplekso kaj bezono de ekzempleroj. La gazeton ESPERANTO deklaris preta eldoni UEA, liverante al la anoj de IEL la gazeton. UEA akceptus la kotizojn por IEL en landoj kiuj ne povas sendi monon al Britujo, same IEL estus akceptinta la kotizojn por UEA en landoj de kie monsendoj al Svislando estas komplika aŭ neebla. Entute praktika aranĝo, forigante dum la milito la dualismon.

Kion respondis IEL, leganto certe demandas! Nu, estas rifuzo. La subskribintoj, Sinjoroj Olivier kaj Goldsmith skribas:

Internacia Esperanto Ligo
Heronsgate, Rickmansworth
Anglujo (Herts)

la 24an de Februaro 1941.

Al Universala Esperanto Asocio
Palais Wilson,
*G e n è v e*

Tre estimataj samideanoj.

Je la 21-a ni bone ricevis viajn aerpoŝtajn leterojn de la 29a kaj 30a de Januaro. Ni dankas vin pro viaj proponoj kiujn ni zorge konsideris. Kvankam ni ne povas telegrafe respondi al tia grava letero, ni faras ĝin aerpoŝte.

1. Helpo por la Familio Zamenhof. Ni jam informis vin, ke tiurilate ni tre volonte kunlaboros laŭ ĉiuj eblecoj.

2. Niaopinie, unuiĝo de la du organizajoj estas dezirinda kaj espereble venos sen troa prokrasto. Se kunlaboro helpus al tiu stato, ni volonte kunlaborus se ni povus interkonsenti pri la metodoj.

3. Kiel antaŭe okazis ĉe UEA la propono venis tro malfrue por praktika efektivigo. Vi proponas komunan eldonon de la Jarlibro 1941, sed granda parto de la teksto por nia jarlibro estas jam nun ĉe la presejo, kaj ĝi aperos kiel kutime, en Marto aŭ Aprilo.

Eĉ pli grave, ni ĉi tie ne estas diktatoroj kaj pri tia grava afero ni devas almenaŭ ricevi la konsenton de tiuj membroj de la komitato kun kiuj ni povas interrilati. Pro la nuna malrapida poŝta servo, tio bezonas almenaŭ kvar monatojn, kaj do malebligas la aranĝon por la nuna jaro.

Ciuokaze, ni tute ne povas akcepti la proponon ke la redaktado de la Jarlibro okazu en Svisujo — almenaŭ kun la nuna administracio de UEA. Ni iom fieras pri la fakto ke nia jarlibro ĉiam aperis, kiel promesite, en la frua printempo, kaj estas nenia dubo, ke pro tiu fakto ni sukcesis reteni membrojn kiuj alie estus eksiĝintaj kaj eĉ pro ĝi multaj novaj membroj aliĝis. Estas ĉie bone konata, ke la nunaj gvidantoj de UEA dum tre multaj jaroj ne sukcesis eldoni la Jarlibron antaŭ Julio aŭ Aŭgusto, kaj ĝuste pro tio ĝi perdis centojn da membroj. Ĝi ĉiam faras promesojn pri ĝustatempa liverado de Jarlibro kaj gazeto, sed la membroj ĉiam estas devigataj atendi longan tempon. Eĉ laŭ la propono de via nuna letero, la jarlibro povus aperi plej optimisme, Junio aŭ Julio kaj ĉar la poŝto inter Svedujo kaj Britujo bezonas almenaŭ du monatojn, tio signifas ke membro tie ĉi ricevus ĝin antaŭ Aŭgusto aŭ Septembro.

Ĉiuokaze kiel ni jam skribis, estas jam tro malfrue fari ian tian aranĝon por la nuna jaro, sed eble vi povas fari alian proponon por 1942 kiel eble plej baldaŭ kaj tio donos al nia Komitato sufiĉan tempon por studi ĝin kaj fari decidon. Intertempe ni povus rimarki el via gazeto ĉu via publika sinteno rilate al ni iom pli amikiĝis, kaj montros tiun bonvolon sen kiu praktika kunlaboro ne estas ebla.

Kopion de la nuna respondo ni sendas al Sinjoro Malmgren.

Kun samideanaj salutoj
*Arthur C. Olivier, Estrarano.*
*Cecil C. Goldsmith, Generala Sekretario.*

---

Tiu ĉi letero, datita 24an de Februaro sendita aerpoŝte atingis nin 12an de Marto, 1941. La Estraro de UEA decidis ne plu reveni je tiu ĉi afero. Nia propono ekzistas, estas al IEL fari la duan paŝon. Sed pro la historia vero ni precizigas kelkajn detalojn kiujn tre rapide laboranta skribinto de supra letero — forgesis! Por simpligi la komprenon, ni resumas koncize.

| IEL asertas: | UEA respondas: |
|---|---|
| 1. Kiel antaŭe okazis ĉe UEA, la propono venis tro malfrue por praktika efektivigo. | 1. La fakto estas, ke ni tuj respondis. Tiom gravan leteron IEL sendis per simpla poŝto, kiu vojaĝis de 22a de Novembro 1940 ĝis 25an de Januaro 1941. Ni ĝin respondis la 29an kaj sendis aerpoŝte. Sed niaj proponoj estis ja konitaj antaŭe. Jam en Oktobro-Novembro 1939. sinjoro Midas, londona esperantisto, bonintence vizitis la Generalan sekretarion de IEL kaj demandis pri ia aranĝo kun UEA. Tiam ni ree precizigis nian sintenon, kiu rilate je re-unueciĝo restis sama kiel antaŭe. |
| 2. Diktatoroj en IEL. | Nu, en la pasinto okazis agoj flanke de nunaj Estraranoj de IEL, eks-estraranoj de UEA, similantaj tre videble al diktatoreco. UEA bone antaŭvidis, ke okazos cirkonstancoj, dum kiu regula laboro ne estos ebla. Ĝia komitato konfidis per ne-atakebla dokumento, la gvidon de la aferoj al la svisaj komitatanoj. |
| 3. Redaktado en Svisujo. | Nia propono precize estis, ke ĉiu redaktu sian parton mem, ke nenio ŝanĝu en la organiza strukturo ĝis post la milito. Nia propono celis eviti duoblajn kostojn. kunigi la samideanojn ankoraŭ pretajn pagi por kompleta Jarlibro. |

Jen la faktoj. IEL bontrovis ree, citi aferojn pasintajn kaj ni devige respondas al tio. Neniam en UEA ni promesis, ke la jarlibro aperos dum printempo de la jaro. Pro devigo uzi enspezitan monon en Germanujo, ni devis presigi la jarlibron en tiu ĉi lando, kio postulas pli da tempo ol enlande. Sed Sinjoro Goldsmith ŝajne neniam foliumis la Jarlibrojn, redaktitajn de 1920 ĝis 1934 de la sama persono. Nu, valoras koni faktojn:

| Jaro: | Apero: | Paĝoj: | Jaro: | Apero: | Paĝoj: |
|---|---|---|---|---|---|
| 1921 | Junio | 200 | 1928 | Junio | 608 |
| 1922 | Julio | 264 | 1929 | Junio | 480 |
| 1923 | Junio | 280 | 1930 | Majo | 406 |
| 1924 | Junio | 400 | 1931 | Majo | 420 |
| 1925 | Majo | 468 | 1932 | Junio | 320 |
| 1926 | Junio | 428 | 1933 | Majo | 448 |
| 1927 | Majo | 512 | 1934 | Julio | 336 |

Tio estas 14 jarlibroj redaktitaj de la sama persono. Oni atentu, ke ili estas senteble pli ampleksaj ol tiuj de IEL, nenia riproĉo sed simpla fakto. Plie la nombro de lokoj kun Delegitoj estis ekzemple en 1934, pli ol d u m i l kun 2300 Delegitoj, kio necesigas pli da empo por redaktado kaj korektado tia kun m i l aŭ eĉ malpli. Kaj ekzistas ankaŭ aliaj detalajoj, kiujn oni devus koni. Pri unu ni rakontu iom, por montri, kun kiaj kvereloj la redaktinto devis — batali — redaktinto kiu laŭ Sinjoro Goldsmith estas kompleta fuŝulo verŝajne.

Temas pri la Jarlibro 1934, tipa ekzemplo: Dum la redaktado, en Januaro 1934, venis minaca letero de la NDEB =*Neue Deutsche Esperanto Bewegung*, el Berlino, postulante ke UEA forstreku Delegitojn judajn en Germanujo. ‚S e n e NDEB denuncos UEA kiel kontraŭgermanan organizajon. La minaco denunci nin, estus trafintaj unue nian honorindan vicprezidanton, Sinjoron Johannes Karsch. Necesis gajni tempon. La redaktinto kiu malgraŭ jud-aspekta nomo, ne estas kaj ne devenas de judoj,

**energie kontraŭstaris**

ĉiun kompromison aŭ cedon en principa afero. Kaj rifuzis daŭrigi laboron, se per tiutempa kutima aranĝo — kompromiso nebuliganta — oni intencis cedi kaj samtempe konservi la fasadon. Oni notu bone, ke la jarlibron ni presigis en Germanujo, por uzi la enspezitan monon, ne venigeblan al ni. Kaj oni komprenu la situacion, ke de unu tago al alia oni povis nuligi al ni la kompostajon.

La dudeko da Delegitoj judaj, propravole eksiĝis tiam por ne malutili al UEA. Pro tio iuj lokoj ne havis delegitojn (ekzemple Breslau). Pro unu malfeliĉa lasta mohikano, konata advokato berlina, kies nomo restis, la Redaktoro de la Jarlibro rievis ankoraŭ riproĉon, pro kio li ne ĉagreniĝis.

Post la 1934, kiam oni forigis la redaktinton, la Jarlibro de 1935, aperis sub la estrado de nova estraro. Ĝi ampleksis 80 paĝojn kaj efektive aperis nur en 1936, dum Januaro. Sed tio ja okazis precize sub la novaj estroj en UEA kiuj grandparte formas la nunan Komitaton de IEL! Tiu de 1936 presite en Britujo, aperis dum Junio.

Se la sekvontaj jarlibroj de UEA, 1937, 1938, 1939/40 aperis pli malfrue, tion UEA parte ŝuldas al tiuj samideanoj, kiuj en jaro 1936 likvidigis gravan parton de la restinta kapitalo kaj kontraŭleĝe provis fortransporti la oficejon al alia loko. Ankoraŭ nun la prezidanto de IEL, Sinjoro Generalo Bastien ŝuldas al UEA gravan sumon (pli ol 10 000.— Frk. sv.) uzitajn por celo, malpravigita de tribunala konstato.

Jen nia respondo. Ni deklaris, ke ni ne plu revenas je tiuj ĉi faktoj, kiuj interesas plu neniun, escepte tiujn kiuj estas implikitaj. Se ripetiĝos similaj asertoj kiajn ni devis legi ni nin defendos per faktoj.

*Hans Jakob, Direktoro de UEA.*

---

# Esperanto en Francujo.

Parolante pri Francujo nuntempe, oni devas distingi du, nome liberan zonon kaj okupitan parton. En la okupita parto nur malmultaj sciigoj estas ricevataj. La Esperantista Centra Librejo en Parizo re-malfermiĝis, kunvenoj okazas en kafejo Chabrol, sed oni ne parolas en Esperanto.

Pri aliaj lokoj en okupita parto, nenia novajo atingis nin. Kontraŭe en la libera zono, signoj de rekomenco abundas. Ĉefe en Lyon, vera centro de esperantista aktiveco. Malgraŭ ĉiaj malhelpoj, la Lyon'aj esperantistoj penadas por ke la flamo ne estingiĝu. Pruvo pri tiu ĉi penado estas la sukcesinta kunveno dum la foiro, la 5an de Oktobro, kiu arigis sesdekon da samideanoj inter ili ĉina samideano Y a n k, malnovaj esperantistoj el Alger (S-ro Richard) el Maroko (S-ro Thollet) kaj Hans Jakob, Direktoron de UEA.

Dum bankedo la Direktoro de UEA skizis la nuntempan agadon de UEA, la servon de interhelpo. Kolekto estis farita favore de Lidia Zamenhof kaj alia — tute konforma al nuna tempo, nome nutraj-markoj — favore de Jaume Grau Casas, troviĝanta en franca koncentrejo.

Vizito de la foiro kaj vespere komuna vespermanĝo finigis tiun ĉi kunvenon, dum kiu oni nur parolis en Esperanto. La organizintoj de la kunveno kiel de la elmontro dum la foiro, Sinjoro Richard Levin, F-inoj Jullien kaj Clavier, estu kore dankataj.

---

# Milito!

Milito! Kruela kri', voĉ malsaĝa,
Krio kiu sonoras en la koroj
De la junuloj, hodiaŭ aktoroj
De interfrata mortigad' sovaĝa.

Terura bruego de bombardiloj
silentigis amkantojn kaj belson'
Kaj la voĉ de bomboj kaj kanonoj
longigas la tagojn sen trankvilo.

Sed malproksima lum', preskaŭ lumer'
Aperas tie, je la horizont',
Kiel gvidilo al nia estont'
Brilas la hela lumo de l'esper'.

*Pacamanto.*
(Hispana internigito)

# Sciindaĵoj.

### La signigo de la judoj.

La Regna Leĝar-gazeto germana informas je la unua de septembro pri la signigo de la judoj, laŭ kiu estas malpermesata al judoj ekde la sesa vivjaro montriĝi publike, s e n speciala ekkonilo. Tiu ĉi konsistas el telergranda sespinta stelo el flava ŝtofo, portata sur la maldekstra brustflanko, kudrita sur la vestaĵo. Plie oni malpermesas al la judoj, forlasi la limon de nuna loĝloko, s e n speciala permeso de la loka aŭtoritato. Certaj judoj estas esceptataj, ekzemple judaj edzinoj de seninfana edzeco kun nejudo, dum la daŭro de la edzeco.

* * *

### La irigacio en Hungarlando.

La Hungara registaro entreprenis imponajn laborojn por reguligo de la rivero Tiso (Tisza, Theiss). Granda barajo certigas la akvumadon de agrikultura tereno ampleksonta 165 000 hektarojn. Pro la ofta sekeco en Hungarlando, tiu ĉi irigacia sistemo havos tre grandan signifon por la produktado agrikultura. La tuta laborego, bezonos 15—20 jarojn kaj la kostoj sumos antaŭvideble 80 milionojn da pengoj. La kontruado jam komenciĝis en la jaro 1936.

La laborplano antaŭvidas tri partojn. La ĉefa konstruaĵo troviĝas ĉe vilaĝo Tiszalök kaj ĝi konsistas el akvohaltejo kaj unu ĉefkanalo, 100 km longa kun pluraj kanalbrakoj. La ĉefkanalo servos samtempe al navigado irebla por ŝipoj ĝis mil tunoj da ŝarĝo.

La dua parto estas jam preta pumpstacio ĉe loko Tiszafüred, akvumonta 12 000 hektarojn kaj plia ĉe Hodmezövasarhely por akvumi dekmil hektarojn. La tria parto de la laboro efektiviĝas ĉe rivero Körös, kiu enfluas la Tison. Ĉe loko Békés-Szent-Andras stariĝas fluhaltejo kaj kluzo por ŝipoj. De tie pliaj 20—25 mil hektaroj estos akvumataj. Por certigi la necesan akvokvanton estas konstruata akvorezervujo ĉe unu rivero enfluanta maldekstre de la Tiso, en la regionoj retroceditaj al Hungarlando. Tiu ĉi rezervujo servos por produkti elektran energion.

* * *

### La transport-kondiĉoj en Hispanujo.

La transportkondiĉoj en Hispanujo, ankoraŭ ne reordigitaj post la civila milito, devigis la svisan registaron, sankcii la kreon de transporto per ŝarĝaŭtomobiloj de la portugala limo ĝis la franca por alveturigi varojn kaj materialojn. Malgraŭ la iom post ioma ordiĝo de la fervoja situacio en Hispanujo tiu ĉi servo de aŭtokolonoj renkontas grandan intereson. Por restarigi la parte detruitan relaron fervojan kaj regrupigi novan ilaron, la Hispana registaro starigis komisionon, kiu kontrolas la faratan laboron kaj ĉefe akceligas ĝin. La konstruado de ŝarĝvagonoj kaj de lokomotivoj prosperas, spite la manko de karbo. Certajn kategoriojn de vagonoj oni devas fabrikigi en eksterlando.

Svislando luis dekduon da hispanaj ŝipoj por plenumi siajn transportojn. La kondiĉoj de la hispana ŝiparo ne estas tiom malbonaj kiel ĉe la fervojaro. La civila milito perdigis proksimume ŝarĝspacon de centmilo da tunoj, kiu grandparte estas egaligita. Dumtempe la hispana komerca ŝiparo disponas je pli ol 1,16 miliono da tunoj, kontraŭ 850 000 en la jaro 1939. Tiam la nombro de ŝipoj sumis ĉirkaŭ sepcent, el kiuj tamen nur dudek havis ŝarĝspacon de iom pli ol sesmil tunoj po unu. La ceteraj estis malgrandaj ŝipoj por la marborda trafiko. La ŝipkonstruejoj hispanaj laboras plenenergie, okupantaj 16 500 laboristojn. (Laŭ Journal de Genève.)

* * *

### Internacia PEN kongreso.

La deksepa internacia kongreso de la verkistoj okazinta dum Septembro en Londono elektis novan komitaton, konsistantan el la verkistoj Maritain, H. G. Wells, Thomas Mann kaj Thornton Wilder; kiel ĝen. sekretario de la P. E. N. funkcias Hermon Ould. La kongreso estis enkondukita per parolado de la Usona ambasadoro Winant, kiu pledis por la tutmonda civitaneco. Partoprenis la kongreson la aliancaj preskaŭ ĉiuj nemilitantaj landoj kaj liberaj verkistoj germanaj. La proksima kongreso okazos en Stockholm, kiu invitis.

* * *

### Kvina kolono.

Tiu ĉi esprimo subite ĝeneraliĝis dum pasintaj monatoj, sed malmultaj konas ĝian devenon. Iuj asertas ke ĝi estas la kvina armilo kiun disponas modernaj armeoj (infanterio, artilerio, kavalerio, aviado) Alia klarigo ŝajnas esti pli kredebla. Dum la sieĝado de Madrid, la defendinto Generalo Miaja, dum milita konsiliĝo prezentis la situacion kaj interalie citis, ke la revolucia armeo atakas per kvar kolonoj, sed estas plia kolono, la kvina, kiu troviĝas inter la sieĝatoj. Per tio li celis la anojn de Generalo Franco, la malamikoj de la respublika reĝimo, kiuj klopodis ĉiel por sukcesigi la venkon de la k v a r kolonoj sieĝantaj.

---

## Lyona Foiro 1941.

Elokventa pruvo pri la volo de la Franca popolo ekzisti, estas la nunjara foiro, okazinta dum Septembro-Oktobro. Malgraŭ la ĝeno kiu kaŭzas la okupacio, la Foira administracio ne hezitis entrepreni tiun ĉi kolosan laboron, partoprenigi la tutan industrion je tiu ĉi elmontro vere grandioza.

La kreo de komitatoj por ĉiu industria aktiveco koncentrigis la tutan elmontron kaj donis al ĝi supervidon pli kompaktan. Partoprenis aro da fremdaj landoj per elmontro de ĉefaj fabrikaĵoj (Argentina, Germana, Rumana, Sveda kaj Svisa) inter ili tre dokumenta la germana, montrinta artiklojn el substitu-materialoj plej diversaj. Ne temas plu pri la E r s a t z-kreaĵoj je malbona memoraĵo, sed pri io efektiva n o v a, io d a ŭ r a, nome anstataŭi materiojn ne riceveblajn per io disponebla. La atento tre videbla de la vizitintoj pruvis komprenon pri tiu ĉi nova percepto.

Infano de nia tempo estas la substituo de la benzino por aŭtomobiloj per aliaj brulmaterialoj, karbo, lignito. La Lyona Foiro montris ĉion, kion oni nuntempe konas sur tiu ĉi agadkampo kaj estis interese vidi je kiaj rezultoj venis la homa kombintalento. Citinde estas ankaŭ la kompletigo de ĉiu sekcio per la novaj kreaĵoj, substituaj, ĉu en leda fako, ĉu en nutraj-fako, ĉu en teksaĵoj k. t. p. La nunjara foiro permesis orientiĝi plej vaste pri ĉi tiuj provoj kaj efektivigoj, el kiuj tutcerte aro restas, eĉ post la milito. Apartan atenton trovis la akvo-elektra sekcio, instrua kaj dokumenta en plej bona senco.

Propagando estas la signalvorto de tempo moderna! Ĝi estas io alia ol reklamo. Ĝi celas konigi ion, mondperceptom, opinion aŭ klopodon. La nuna Foiro enhavis vidindan sekcion pri ĉiuspecaj klopodadoj, *Ruĝa Kruco — Franca Junularo — Sindikatanoj — Kristanaj celadoj* kaj aliaj. Inter ili troviĝis ankaŭ Esperanto, neniam mankinta ĉe ĉiuj pasintaj foiroj.

Resume: Bonege aranĝita elmontro de l'aktiveco franca. Ja eĉ floroj ne mankis. Inter la novaj kreaĵoj de Lyon'aj rozkulturistoj troviĝis inter multaj novaj specoj, unu dediĉita al Svislando kun nomo HELVETIA, kiun la kreinto difinis tiel: "La kreinto fiksis en tiu ĉi variaĵo, sian senton de admiro kaj de dankemo kontraŭ malgranda ŝtato sed loĝata de granda popolo. La floro elstaras, de forta flavo, same pura kaj same bonvola kiel la animo de niaj amikoj de la Kantonoj svisaj."

---

## Sudslavaj proverboj.

Mallaboremuloj iĝos diligentaj je vespero.

*

La kato ne ĉiam havas grasan semajnon, ankaŭ por li ekzistas la fastoj.

*

Iu kirlas la polvon, al alia ĝi flugas en la okulon.

# Niaj Mortintoj.

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*
Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj de la nuna tempo aro da komunikoj atingis nin malfrue.

*F-ino Raymonde Allemand,* instruistino en Cours (Rhone) Francujo.
(Laŭ "Comprendre".)

*Sinjoro Arthur Allen,* fidela samideano, Leek, Staffs. Britujo.

*Sinjoro M. H. Beattie,* en Eastbourne, Britujo, malnova samideano, ĝis 1936 ano de UEA, fondinto de la unua grupo en Kalkuto (Hindujo).

*Sinjoro Lars Boström* 68 jaraĝa, malnova ano de SAT kaj de la Sveda Laborista E-Asocio, fidela defendinto de nia afero inter laboristoj, 25an de Julio 1941.

*S-ino Elizabeth M. Boutwood,* vidvino de bedaŭrata samideano J. J. Boutwodd, 28an de Marto 1941 en Letchworth, Britujo.

*Sinjoro Ernest Cosandey,* eksfervojisto svisa, membro de la Grupo Zamenhof en Lausanne, 16-an de Julio 1941.

*Sinjoro Adolf Hartman,* el Varsovio, ĝen. sekretario de la Jubilea Kongreso 1937, mortis komence de la milito 1939, kiel pola soldato laŭ informo nur nun ricevita.

*Sinjoro Claude James Ilton,* Novzelando, akcidente la 12an de Aprilo 1941, en montaro.

*Sinjoro Fergus Fr. Jamieson,* 25 jaraĝa, Glasgow, 2a de Aprilo 1941.

*Sinjoro Robert Langenegger,* la 16an de Junio, sepdekjara en Sankt Gallen, verkinto de poemoj, silentema modesta homo, ano de la Nova Esperanto Klubo.

*Sinjoro Olli Laukkanen,* Helsinki, 53 jaraĝa pro ftizo, 1941 (dato ne ricevita). Ĉefdelegito kaj sekretario teritoria de UEA, Laukkanen firme staris ĉe UEA kaj per brilaj artikoloj, provis montri la esencon de la organiza problemo. En la E-Instituto, en Kluuvikatu 5 li fidele laboris kiel oficisto, servinta ĉiun laŭpove, ĉiam helpopreta kaj servema.

*Sinjoro H. Matthewson,* 55 jara en Edinburgh, Skotlando, Marto 1941.

*F-ino Eleanor Norman,* estinta sekretariino de la Okcidenta Mezlanda Federacio, Delegitino de IEL en Birmingham, 18a de Majo 1941.

*Sinjoro Angel Petkov Ivanov,* 32 jaraĝa, bulgara samideano, redaktinto de periodaĵo Lingvo Internacia (nacilingva) kaj de E-paĝo en la taga gazeto Zarja.

*Sinjoro Czeslaw Pruski,* dum multaj jaroj, Delegito de UEA en Lublin, (Polujo) estis mortpafita kiel garantiulo, 1939, 42 jara. Naskiĝinte en urbo Siedlce li vivis en diversaj lokoj polaj kaj ĉie li klopodis por Esperanto, al kiu li aliĝis 1913 en Kronstadt (apud Petroburgo).

*Sinjoro Jan Skrzypinski,* inĝeniero, estinta ano de UEA n-ro 40103, en Varsovio 1941.

*Sinjoro H. G. Wells,* Delegito en Southall, Middlesex, 21a de Marto.

*Sinjorino Leokadja Zamenhof,* vidvino de D-ro Leon Z., frato de la kreinto de Esperanto, mortis post mallonga kruela malsano, la 22an de Aŭgusto 1941 en Varsovio. Estinta anino de UEA, n-ro 41194.

# Bibliografia Servo de UEA.

## Novaj verkoj 1941.

*Agostinho da Silva:* La vivo de la Eskimoj. — Tradukis el portugala lingvo: M. F. — Eldonis Rondeto Zamenhof, Porto. — 19×12 cm 30 paĝa. — Presis Tipografia Gonçalves & Nogueira, Porto. Prezo 2.50 Eskudoj = 0.50 fr. sv. (1941 — 1.)
Konciza studo, sufiĉa por havi proksimuman ideon pri tiu ĉi brava popoleto, spitanta glacion kaj venton en la alta nordo. La traduko estas bona preskaŭ. senerara. La profito el la vendo de tiu ci verketo iras al la Fundo por Helpo al Familio Zamenhof.

*

*Sung Chiti & Ĉing Julin:* N o v a v i v o. Du reportajoj, verkitaj de.... Elĉinigis Venlo Fon. — 18×13 cm, 28 paĝa. Eldonis Heroldo de Ĉinio, Ĉungking. (1941—2.)
Temas pri reportajoj el nuntempa ĉina vivo, batalo persista kontraŭ invadinto kaj kontraŭ la militsekvoj. Impresoj pri la ĉinaj industriaj kooperativoj / Ni daŭre laboras.

*

*Atanas Nikolov:* Esperanto Bulgarskij Razgovornik = Esperanto Bulgara Frazaro. 17×12 cm, 48 paĝa, dukolone presita. — Eldonis kaj presis Libro-presejo Frateco en Sevlievo. (1941—3.) Prezo: 8 Lev. = 0.40 Frk.
Taŭge aranĝita libreto, por lerni la plej bezonatajn frazojn de la taga konversacio.

*

*Francisco Valdomiro Lorenz:* Diverskolora Bukedeto. Poemoj kaj poemetoj tradukitaj el 40 lingvoj. 18×12 cm, 160 paĝa. Eldonis: Livrara Editora de Federaçao Esperantista Brasileira, Rioe de Janeiro. Presis: Reformador. Prezo ne-montrita.
Jen tria kolekto de poemoj el multaj lingvoj. La unua *El Parnaso de popoloj,* aperinta 1913, la dua ETERNA BUKEDO, de D-ro Kalocsay kaj la tria de F. V. Lorenz, unu el la unuaj esperantistoj.
La libro alvenis jus dum kompostado de la nuna numero. Recenzon ni aperigos en la venonta. La libro estas plaĉa kaj okulvideble dokumentas la celkonscian fervoron de la brazilaj esperantistoj, tenantaj la verdan standardon dum nia movado en Eŭropo stagnas.

## Esperantista Gazetaro.

Ricevitaj gazetoj: Arbetar Esperantisten = Laborista Esperantisto: Julio-Aŭgusto — British Esperantisto: Julio-Aŭgusto. — Pernambuco Esperantista: Marto. — Sveda Esperanto Gazeto, La Espero, Julio-Aŭgusto. Renovigo, Meksiko, Julio. — Tagiĝo, bulteno de Hongkonga Esperanto-Asocio, Julio. — Svisa Espero, N-ro 3, 1941. — La Semanto, Organo de la svisaj laboristaj esperantistoj, Septembro 1941. — O Brasil Esperantista, Majo-Junio. — Bulgara Esperantisto, Majo-Junio 1941.

## Korespondado.

Agnesberg (Svedlando). S-ro Kurt Lindström, dez. korespondi pri ĉia temo, Let., poŝtkartoj. Interŝ. p. m.

# Universala Esperanto-Asocio.

**Palais Wilson, Genève, Svislando**

**1941 — Oficiala Informilo — N-ro 4.**

### Jaro 1941.

La administra jaro 1941 finos baldaŭ kaj konvenas diri kelkajn vortojn pri ĝi. La Estraro de UEA, konsistanta el la svisaj komitatanoj, S-roj Kürsteiner, Richez, Rosen kaj Rotach aprobis siatempe la laborplanon submetitan de la Administranto (Direktoro) de UEA por 1941. Tiu ĉi laborplano povis esti plenumata kun oftaj komplikajoj kaj modifoj. La ĉefa celo — konservi aktivan centron de la movado — povis esti atingata. Grandan zorgon prezentis la aperigo de la gazeto, la sola publikigaĵo nuntempe de UEA. Estas esperinde ke iuj cirkonstancoj ŝanĝas por ke realiĝu plia reguleco en la apero.

Pro devigoj eksteraj montriĝis pli prudenta, ne eldoni Jarlibron por 1941, tial ni ĝin remetis al la sekvonta jaro. Aliflanke la daŭre ŝanĝanta situacio ekstera malhelpas ricevi informojn pli rapide, sekve utiligeblajn en konvena tempo.

Samideanoj pagintaj la kotizon por 1941 kaj dezirantaj ricevi kompenson por neliverita Jarlibro, rajtas elekti unu numeron el la premiaro de la jaro 1942 (vidu la nuna numero). Krome, ĉiuj anoj egale kiu kategorio, ricevas kun tiu ĉi numero unu ekzempleron de scienca verketo Kriminologio, verkita de konata hungara fakulo kaj tradukita de D-ro Toth Vincze.

La membroj en Svedlando ricevas la libreton sendepende de la nuna gazeto kaj rekte de Genevo, dum unuaj tagoj de Novembro.

### Jaro 1942.

La malrapida poŝttrafiko konsilas ke ni informu pri la nova jaro jam nun. La nova jaro, kiu espereble finigos la detruadon kaj buĉadon staros sub samaj aŭspicioj kiel la nuna, 1941, malmultaj enspezoj, malcertaj poŝtrilatoj sed multaj servoj farendaj aŭ farotaj. Estas antaŭvidata, aperigi la gazeton ESPERANTO sesfoje dum la jaro, kun minimume 50 paĝoj. Estas ekzamenata la oportuneco eldoni dummilitan Jarlibron. Pagontaj membroj (MA kaj MJ) rajtas kiel ĉiam, elekti premion de frupago laŭ la nuna listo, same la personoj, kiuj nur abonas la gazeton (sama prezo kiel MA kotizo). Subtenantoj rajtas plie la kutiman premion por tiu ĉi kategorio.

Novaj lokoj kun Delegitoj.

*Agnesberg* (Svedlando, Västergötland). — D.: Kurt Lindström, elektristo.
*Gävle* (Svedlando). — D.: August Kristian Örn, policisto, Solbacka, Strömsbro.
*Neuveville* (Svislando, Jura Bernois). — D.: Jules Gilliard, Collège 140.
*Uppsala* (Svedlando). — D.: Frits Lindén, instruisto, St. Larsgatan 10 (Box 22).
*Sollefteå* (Svedlando). D.: Hilmer C. Johansson, redaktoro, Nya Norrland.
*Surte* (Svedlando). — D.: Vidar Persson, laboristo, Dalhem.

### Aliĝo 1942.

Kun la nuna eldono de ESPERANTO estas sendata aparta folio kiun informas pri la premioj, la kotizoj kaj pagmaniero.

# Sveda Teritorio.

Por informoj pri UEA, helpo al Zamenhofa Familio, Esperantista Interhelpo, oni sin turnu en Svedlando senescepte al ĉefdelegito de UEA

**S-ro Einar Adamson, redaktoro, Värmlandsgatan 18, Göteborg**

komisiata plenumi rilatajn laborojn. Por pagi ion oni uzu la poŝtĉekon svedan, konton 44.381 Bokförlaget Kosmos, Göteborg, (för Universala Esperanto-Asocio, notante bone por kiu celo estas la mono.

# Esperantista Interhelpo.

Ĉefa zorgo de la Interhelpo estas nun, trovi rimedojn por sendigi al suferantaj samideanoj, precipe en Polujo, nutraĵojn. La malgranda fundo, starigita antaŭ du jaroj el flankaj gajnoj elĉerpiĝis.

Amikoj de jenaj samideanoj polaj, dezirantaj helpi ilin, estas petataj sendi donacon al Esperantista Interhelpo, kiu okupiĝas pri sendo de nutraĵoj laŭ plej bona maniero.

1. S-ro Lejzerovič, Ano de la Lingva Komitato, iam loĝinta en Lodz nun en Varsovio.
2. F-ino Halina Weinstein, Delegitino de UEA, kunlaborintino dum la Jubilea Kongreso, verkantino por Literatura Mondo, Varsovio.
3. M. Chmielinski, Varsovio.

Esperantistaj rifuĝintoj.

F-ino Rena Weinsberg (de Krakovo) nuna adreso: 83 Chaussée Vleurgat, Bruxelles, Belgujo.
D-ro A. Mildwurf, (de Vieno) nuna adreso: 28 Frognal Lane, London N. W. 3.
S-ro Erwin Gerhard Bernfeld, estinta ĉefdelegito de UEA (ĝis 1934) en Aŭstrio: Nuna adreso: 41 Nicholson Road, Khandallah nr. 5, Wellington, Novzelando.
D-ro Henriko Gielb, de Varsovio, antaŭe en Nancy, nun: 20 bis rue St. Louis, Toulouse, Haute-Garonne, Francujo.
F-ino Renée Pessey, estrino de l'hotelo Eole en Malo-les-Bains, nun: Hotel Trianon Place Mozart, Nice, Francujo.

### Voĉo el Polujo.

Tute surprize venis vivsigno de nia komitatano pola, S-ro Czubrynski, poŝtkarto datita 19an de Aŭgusto kaj skribitan en Esperanto. La korespondaĵo pasis la cenzuron, eksterordinara oakazaĵo, kiam oni konscias, ke nia lingvo estas ĝismorte silentigata do ne-ekzistanta. Ni respresigas tie ĉi la komunikojn de nia ŝatata kunlaboranto kaj amiko:

W. la 19an VIII. 1941.

Siatempe demandis min letere F-ino Lidia Z., pri mia adreso. Mi respondis al ŝi, sed mi ne scias, ĉu ŝi scipovis vin sciigi kaj ĉu ĝenerale ŝi ricevis mian leteron. Mi do sciigas Vin, ke mi vivas, kvankam en septembro 1939 mia vivo estis en danĝero, estinte minacita per superŝuto. Post forigo de latino el lernej-programoj mi fariĝis senlaborulo, sed feliĉe laboras mia edzino. Per privataj lecionoj kaj iaj modestaj subtenoj, ŝuldoj mi scipovis teni min sur la surfaco de vivo. El aliaj samideanoj ne vivas plu: Adolf Hartman, mortinta kiel soldato, Czeslaw Pruski, delegito en Lublin, dispafita kiel garantiulo, Skrzpinski mortis naturan morton. S-ino Cense vivas en Francujo. Pri vivo de aliaj mi ne havas informojn. Domo de Zamenhof detruita komplete, same Filharmonio kaj la domo de kunsidoj kie oni decidis pri IEAk.

Mi salutas vin kaj manpremas,
via tutkore

*A. Cz.*

Ni respondis tuj (germanlingve) kaj demandis diversajn informojn. Ni ricevis respondon tre rapide, detalo citinda nuntempe (6 septembro). Profesoro Bujwid vivas kaj laboras. Aliaj informoj pli poste.

Tierp, Svedlando 1941. Hugo Löjdquists Boktryckeri